# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde der DDR im Deutschen Kulturbund**

3. Jahrgang Nr. 14 August 1967 30 Pfennig


## Esperanto-Konferenz in Rostock

Vom 9. bis 11. Juli 1967 fand im Rahmen der „Ostseewoche" in Rostock (DDR) eine Esperanto-Konferenz statt, an welcher Friedensfreunde aus der CSSR, Dänemark, der Deutschen Demokratischen Republik, der Sowjetunion, Schweden und Ungarn teilnahmen. Es waren insgesamt 73 Personen. Außerdem kam aus dem internationalen Zeltlager in Graal-Müritz eine sowjetische Esperanto-Jugendgruppe, die sich aktiv an der Arbeit der Konferenz beteiligt hatte.

Während der Konferenz und in einer speziellen Podiumsdiskussion wurden Vorlesungen über terminologische Probleme des Esperanto, über Struktur und sprachliche Fähigkeiten des Esperanto und die Rationalisierung der internationalen Sprachensituation gehalten.

Über die Referate der Freunde Prof. Dr. Eugen Bokarev (Moskau), Prof. S. N. Podkaminer (Leningrad), Prof. Dr. Falkenhahn (Berlin) und Dr. P. W. Ruff (Berlin) berichten wir in den nächsten Ausgaben.

Nachfolgend veröffentlichen wir die gegen eine Stimme angenommene Resolution und die einstimmig angenommene Erklärung.

## Esperanto-konferenco en Rostock

De la 9-a ĝis la 11-a julio 1967 en Rostock (GDR) en kadro de la „Semajno de Balta Maro" okazis esperantista konferenco, kiun partoprenis pacamikoj el Ĉekoslovakio, Danlando, Germana Demokratia Respubliko, Sovetunio, Svedio kaj Hungario, entute 73 personoj. Krom tio el junulara tendaro internacia en Graal-Müritz venis soveta esperantista grupo junulara, kiu partoprenis aktive la laboron de la konferenco.

Dum la konferenco kaj en la speciala podia diskuto estis aŭskultitaj prelegoj pri Esperanto-terminilogiaj problemoj, pri strukturo kaj lingva kapableco de Esperanto kaj pri raciigo de internacia lingvosituacio.

Pri la referatoj de la amikoj Prof. Dr. Eugen Bokarev (Moskvo), Prof. S. N. Podkaminer (Leningrad), Prof. Dr. Falkenhahn (Berlin) kaj D-ro P. W. Ruff (Berlin) ni raportas en la venontoj eldonoj.

Sekvonte ni publikas la resolucion. aceptitan kontraŭ unu voĉo kaj la deklaracion, aceptitan unuvoĉe.

**Resolution** Wir Esperantisten der Ostseeländer kamen in Rostock (DDR) anläßlich der „Ostseewoche“ zusammen. Wir führten in der Zeit vom 9. bis 11. Juli 1967 eine Konferenz durch und berieten über die Perspektive des Esperanto und seine Möglichkeiten, in stärkerem Maße dem Weltfrieden zu dienen.

In Übereinstimmmung mit der Auffassung Dr. Zamenhofs über eine gegenseitige Verständigung und ein brüderliches Verstehen der Völker bekennen wir uns entschieden zum Humanismus.

Wir wenden uns gegen alle Diskriminierungen und Drohungen gegenüber anderen Völkern und gegen die Einmischung in ihre eigenen Angelegenheiten.

Darum verurteilen wir entschieden die abscheulichen Verbrechen der USA-Imperialisten gegen das vietnamesische Volk.

Wir sympatisieren aus ganzem Herzen mit dem heldenhaft kämpfenden vietnamesischen Volk, welches sein eigenes Territorium und seine Unabhängigkeit gegen die Aggression verteidigt. Wir fordern ebenfalls nachdrücklich den Abzug der Truppen, die fremde Gebiete in anderen Teilen der Erde besetzt halten.

Die Handlungen der Kriegstreiber in Vietnam und anderorts sind eine gefährliche Bedrohung des Weltfriedens.

Alle Menschen müssen fürchten, daß ein dritter Weltkrieg ein Atomkrieg wird, der die gesamte Zivilisation völlig zerstören kann.

Das hohe Ziel des Esperanto, das Prinzip der Neutralität gegenüber Rassen, Völkern, Nationalsprachen, Religionen und Weltanschauungen, verlangt gleichzeitg ein konsequentes Eintreten für die Menschlichkeit, für den Weltfrieden.

**Wir unterstützen einmütig die Devise der Festwoche der Ostseeländer: „Die Ostsee muß ein Meer des Friedens sein“.**

Wir versprechen, daß wir unter den Esperantisten unserer Länder dieses

**Resolucio** Ni esperantistoj el Baltmaraj landoj kunvenis en Rostock (GDR), okaze de la „Semajno de l'Balta Maro“. Ni konferencis de la 9a — 11a de julio 1967 kaj prikonsilis la perspektivon de Esperanto kaj giajn eblecojn pli intense servi al mondpaco.

Konforme al la ideo de d-ro Zamenhof pri reciproka interkompreniĝo kaj frata kompreno de la popoloj, ni konfesas al decida humanismo.

Ni kontraŭstaras ĉiujn diskriminaciojn kaj minacojn kontraŭ aliaj popoloj kaj kontraŭ la enmiksiĝon en siaj propraj aferoj.

Pro tio ni kondamnas decide la abomenajn krimojn de la Usonaj imperiistoj kontraŭ la Vjetnamia popolo.

Ni tutanime simpatias kun la heroe batalanta popolo Vjetnamia, kiu defendas sian propran teritorion kaj sendependecon kontraŭ agresio.

Ni same postulas emfaze la retiron de trupoj okupantaj fremdajn teritoriojn en aliaj partoj de la mondo.

La agoj de la militinstigantoj en Vjetnamio kaj alieloke estas danĝera minaco de la mondpaco.

Ĉiuj homoj devas timi ke la tria mondmilito estos atoma milito, kiu povas detrui la civilizacion entute.

La alto celo de Esperanto, ĝia principo de neŭtraleco al rasoj, popoloj, naciaj lingvoj, religioj kaj mondperceptoj, inkluzivas samtempe konsekvencan pledon por la homaj rajtoj, por la mondpaco.

**Ni subtenas unuanime la devizon de la festosemajno de Baltmaraj landoj: „La Balta Maro estu maro de paco“.**

Ni promesas ke ni polularigos inter la geesperantistoj en niaj landoj,

alljährlich wiederkehrende Ereignis popularisieren werden.
Wir rufen die Friedensfreunde der ganzen Welt auf, die Weltfriedens-Esperanto-Bewegung (MEM) zu unterstützen, das Zentralorgan der MEM „Paco“ zu abonnieren und es in allen Ländern herauszugeben.
Zurückgekehrt werden wir alle unsere Kräfte dafür einsetzen, daß die internationale Sprache zu einem wichtigen Hilfsmittel bei der Stärkung des Friedens werde.

Rostock, den 11. Juli 1967

**Erklärung** der ausländischen Esperantisten über die Esperanto-Konferenz im Rahmen der Ostseewoche 1967:

Wir wollen Bilanz ziehen über das Esperanto-Treffen für den Frieden, das in Rostock vom 9. bis 11. Juli 1967 durchgeführt wurde und einmütig zum Ausdruck bringen, daß es sehr gut organisiert war. Die Konferenz hat durch die Diskussionen über gemeinsam interessierende Fragen des Friedens und der Sprache ihre Aufgabe, ein Forum für die friedliebenden Esperantisten an der Ostsee zu sein, gut erfüllt.
Entsprechend dem von vielen Teilnehmern geäußerten Wunsch, hoffen wir, daß diese Begegnung zu einer Tradition werde und daß in den kommenden Jahren noch mehr Esperantisten an der Konferenz teilnehmen.
Wir möchten auch unseren deutschen Freunden unseren herzlichen Dank für die geleistete Arbeit und ihre Gastfreundschaft aussprechen.

tiun ĉi gravan eventon ĉiujare reokazantan.
Ni alvokas ĉiujn pacamikojn en la tuta mondo subteni la Mondpacan Esperanto-Movadon (MEM) kaj aboni la ĉeforganon de MEM „Paco“ kaj aperigi ĝin en ĉiuj landoj.

Hejmenveninte ni streĉos niajn fortojn, agadi ke la internacia lingvo estu grava helpilo por fortigi la pacon.

Rostock, 11a de julio 1967

**Deklaro** de eksterlandaj esperantistoj pri la Esperantokonferenco en la kadro de la Baltmara Semajno 1967:

Kiel bilanco pri la renkontiĝo esperantista porpaca en Rostock la 9–11/7 1967, ni volas unuanime konsideri ĝin tre bone organizita kaj tre bone plenumita la taskon, esti forumo por la pacamantaj esperantistoj ĉirkaŭ la Balta Maro, dum ilia pritraktado de komunaj aferoj kaj porpacaj kaj prilingvaj.

Laŭ deziro de multaj partoprenantoj ni esperas ke tiu ĉi renkontiĝo povu estiĝi tradicio kaj ke ĝi trovu ankoraŭ pli da partoprenantoj dum venontaj jaroj.

Ni volas ankaŭ esprimi nian koran dankon al niaj germanaj samideanoj pro ilia sindonema laboro gastigi nin.

# VIIa Kongreso de la Socialista Unuecpartio de Germanio

Dum ĉiu kongreso la Socialista Unuecpartio de Germanio bilancas pri la pasinta periodo kaj decidas ĝeneralan linion por la plua socia evoluo.

La VIIa kongreso de la gvidanta partio en nia Germana Demokratia Respubliko estis okazaĵo de eminenta graveco por plia kompletigo de la sistemo de l' socialismo kaj sekve por plialtigo de la vivnivelo socia kaj individua. Neniam antaŭe kongreso de la Socialista Unuecpartio de Germanio tiom estis atentata en la mondo kiel la VIIa.

La ĉefaj paroladoj kaj konkludoj de la kongreso estas publicitaj kaj legeblaj de ĉiu. Mi nur menciu jenajn faktojn.

Larĝan spacon en la paroladoj kaj diskutadoj okupis la ekonomio. Ekonomie pensi estas necese sur ĉiuj terenoj de la socia vivo, kiel en la ekonomio mem, tiel en scienco kaj kulturo. Ĉiuj elementoj de nia ŝtata kaj individua vivo estas ligataj kun la ekonomia fundo. Por kompreni la situacion kaj evoluon, oni devas konsideri, ke la teritorio de nia ŝtato post la disigo estis ekonomia torso malproporcia, ĉar mankis gravaj industribranĉoj (ŝipkonstruado, veturilkonstruado, ŝtalproduktado, krudmaterialoj ktp). La ekonomia re- aŭ novkonstruado devis okazi samtempe kun la socia konstruado. Hodiaŭ ni posedas industribranĉojn kiuj komence eĉ ne estis aktualaj (ĥemiinstalaĵoj, energimaŝinoj, konstrumaŝinoj, televidindustrio, branĉoj de la petrolĥemio, la socialistigita agrikulturo ktp). Nur iom post iom ni sukcesis atingi ĝustajn proporciojn kaj strukturon de la ekonomio. Ni devis anstataŭi la komencan principon de kvantiteco per principo de kvaliteco. Komencis la sistema aplikado de ekonomiaj leviloj, komencis la aplikado de la scienco kiel produkivenergio.

Pluan gravan lokon okupis dum la kongreso la Eŭropo-sekureco kaj la tiel nomata „Germana Problemo".

Fundamento de Eŭropo-sekureco nur povas esti aprobo de faktoj, de realaj kondiĉoj, i. a. la netuŝebleco de limoj inter la ŝtatoj de Eŭropo. (Sola ŝtato de Eŭropo, kiu pretendas teritoriojn de aliaj ŝtatoj, estas la okcidentgermana Federacia Respubliko.) Premiso por paco kaj secureco en Eŭropo ankaŭ estas rezigno je revenĝpolitiko kaj atomarmiloj, kio ne kostas monon sed ŝparas monon.

Tiudirekte jam estas faritaj de nia flanko multaj proponoj. Laŭ reala prijuĝo ne estas eble identigi la okcidentgermanan imperiisman ŝtaton kaj siajn reviziemajn pretendojn kun la socialisma Germana Demokratia Respubliko. Ne eble estas nuligi niajn socialismajn rezultojn kaj reveni en kapitalismon, en socian mezepokon.

Tamen estas eble, ke ambaŭ germanaj ŝtatoj vivu sub kondiĉoj de paca kunekzistado, ke ili apliku la kontrakton de Potsdam kaj praktigu normalajn interrilatojn. La imperialistoj disigis la Germanojn, nur la

laborista klaso kapablas kunigi ilin — post realigo de la necesaj antaŭkondiĉoj. La grandburĝa klaso tute perdis la rajton gvidi la nacion, ĝi kaŭzis pli da domaĝo al la germana popolo ol ĉiuj eksteraj kontraŭuloj dum jarmilo.

La rezultoj kaj konkludoj de la kongreso intertempe estas pridiskutitaj, kaj en la parlamento, en organizaĵoj, institucioj kaj uzinoj ili konsekvence estas eluzataj. Samtempe kun la preparado de la elektoj de deputitoj parlamentaj komencis realigo de la instigoj kaj direktivoj de la kongreso.

Ankaŭ la PREZIDA KONSILANTARO DE LA GERMANA KULTURLIGO ekstraktis la apartajn taskojn nuntempajn de la Ligo.

La unua sekretario de la Germana Kulturligo, Karl-Heinz Schulmeister, en sia referato nomis ĉefan taskon de la Kulturligo LA EDUKADON DE LA HOMO AL SOCIALISTA PERSONECO. Tiucele servu la kluboj kaj laborrondoj kulturaj. Tio premisas por ĉiu unuopulo multe da klereco ĝenerala. Respondo al la demando, KIO APARTENAS AL ĜENERALA KLERECO SOCIALISTA, Karl-Heinz Schulmeister citis kelkajn fundamentajn nociojn kaj literaturajn verkojn, i. a.: bazaj informoj pri historio kaj filozofio, la nova ekonomia sistemo, la nuntempaj politikaj problemoj, la teknika kaj kultura revolucioj. Kiel fontoj li menciis i. a. jenajn verkojn: Geschichte der deutschen Arbeiterbewegung (Historio de la germana laborista movado), la novaperintan „Lehrbuch der Philosophie" (lernolibro de la filozofio), la libron „Imperialsmus heute" (imperiismo nuntempe).

La Germana Kulturligo per ĉiuj siaj eblecoj subtenas la plialtigon de la kulturnivelo. Ni devas atingi, ke la socialista kulturo estas KULTURO DE LA TUTA POPOLO, ke ĝi estu firma elemento de nia vivo. Prospero de la intelekta vivo signifas, plian inkluzivigon de la junularo kaj instigi ilian kunagadon, trovi interesajn formojn de nia agado por venki malvastecon kaj izolecon. Tiuj ĉi rekomendoj estas duope validaj, aparte por nia esperantolaboro.

La VIIa kongreso povis konstati imponajn sukcesojn sur multaj terenoj, speciale post fermo kaj garantiigo de la ŝtatlimoj de la GDR. Nia ekonomia fundamento bone prosperis. Ni atingis sukcesojn tutmondpolitikajn kaj komercajn. Niaj internaciaj rilatoj fortiĝis malgraŭ la pretendo de sola reprezentado de Germanio pere de la okcidentgermana registaro. Malgraŭ la „Halstein"-doktrino la reputacio de nia socialista ŝtato germana kreskis, ĝia internacia pozicio plifirmiĝis. Kontribuo al internacia samrajteco kaj plua agnosko de nia GDR ankaŭ estis la ORGANIZIGO KAJ OFICIALA INTERNACIA APERO DE LA ESPERANTISTARO EL GDR.

La unua periodo de nia esperantolaboro servis ĉefe la establon de la centra, distriktaj kaj subdistriktaj estraroj, al kreado de grupoj, por plua perfektigo de malnovaj esperantistoj kaj fine por modesta varbado de novaj adeptoj kaj ilia instruado. Rilate varbadon kaj instruadon ĝis nun estis provizora situacio pro manko de taŭga instrumaterialo. Sed la decidaj paŝoj helpe de la Germana Kulturligo jam estas faritaj. Ankoraŭ en nuna jaro aperos nova lernolibro verkita de Ludwig Schödl kaj vortaro Esperanto-Germane de Erich-Dieter Krause.

Nun nin okupas unurange la demando, kiaj estas la pluaj kondiĉoj por esperanto en nia GDR. Kiumaniere ni povas agadi priatentante la konsilojn kaj rezultojn de la VIIa partia kongreso.

Ni konsideras jenajn faktojn:

I. La VIIa kongreso montris la vojon al plia fortigo de nia ŝtato. Bazante sur ĉiam pli kompletiĝanta ekonomio de la socialismo la bonstato kaj kultura okupado de la gelaboristaro konstante kreskas. Proporcie al tio plimultiĝas la ŝancoj, interesigi la homojn por studado kaj aplikado de esperanto.

II. Sekve de la konstanta plifortiĝo de nia respubliko ĝia internacia agnosko pligrandiĝas. Paralele vastiĝas la rilatoj de nia GDR kun aliaj popoloj kaj ŝtatoj sur fundamento de amika kunlaboro aŭ paca kunekzistado. Samtempe kreskas la deziro de informado pri nia GDR. Por plenumi tiun taskon esperanto estas unu el la plej taŭgaj rimedoj.

Mi opinias, ke la lasta fakto montras al ni esperantistoj de la GDR vojon helpi fortigi nian ŝtaton per informado, per dispublicigo de la vereco pri niaj vivkondiĉoj, pri nia evoluo, pri la paca politiko de nia registaro. Ni enkonduku iom post iom la oficialan aplikadon de la internacia lingvo kiel informrimedo.

Tiudirekte ni komencis modeste per esperantlingvaj flugfolioj kaj aliaj presaĵoj de niaj ŝtataj organoj. Nia unua numero de „PACO" ne estis nur kontribuo kaj helpo al la mondpaca movado, ĝi ne nur estis bonaspekta impresiga ĵurnalo, sed ĝi ankaŭ informis pri nia socialista ŝtato. Nun aperis la broŝuro „La germana popolo kaj la unuiĝintaj nacioj", tradukita de kolektivo de esperantistoj el Berlin kaj eldonita de la „Liga für die vereinten Nationen" (Ligo por la unuiĝintaj nacioj). Tio estas efika sukceso ĉiurilata, kiu profitigas por nia ŝtato kaj samtempe estas sukceso poresperanta. Tiudirekte kaj per tiaj metodoj ni koncentras niajn klopodojn ĉefe flanke de la Centra Laborrondo.

Sisteme ni ankaŭ daŭrigas eldonadon de esperantoliteraturo. Nuntempe estas preparata manuskripto por vortaro Deutsch-Esperanto (Germane-Esperanto) de esperantoamiko v. Waldowski.

En la nuna jaro ni festos la 50an datrevenon de la Granda Socialista Oktobro-Revolucio. Niaj distriktaj kaj subdistriktaj estraroj preparu inde omaĝi la plej grandan revolucion de la mondhistorio, la komencon de la socilista epoko. Ni memoru, ke en Germanio la esperantoafero prosperis en multspecaj kontaktoj kun sovetaj esperantistoj jam antaŭ multaj jardekoj.

La VIIa kongreso de la Socialista Unuecpartio de Germanio fiksis novan ankoraŭ pli sukcesan periodon de nia vojo al EVOLUITA SOCIALISTA SOCIO. La kongreso direktis MANIFESTON al la civitanoj de la GDR en kiu estas konstatite: La evoluita socialista socio nur povas esti komuna tasko de ni ĉiuj. Ĉiu estas alvokita majstri la sciencteknikan revolucion, akiri altan klerecon kaj malfermi al si la trezoron de la kulturo. Tio estas postulo de la vivo al ĉiu civitano de nia lando.

La kongreson disradiis grandiozan entuziasmon, ĝi montris al ĉiu de niaj civitanoj optimisman perspektivon. Ĝi estis overturo por novaj sukcesoj ekonomiaj, politikaj kaj kulturaj.

Ankaŭ esperanto estas survoje estiĝi elemento apartenanta al la socialistaj portantoj de nia respubliko.

La manifesto de la kongreso finiĝas per jenaj vortoj:

NI HAVAS CELON ANTAŬ NI, LA EVOLUITAN SOCIALISMAN SOCION!

NI KONAS LA VOJON AL TIU ĈI CELO – NIAN PROPRAN KREEMAN LABORON!

Tiu ĉi artikolo estas ekstrakto de parolado de esperantoamiko Rudolf Hahlbohm dum esperantista renkontiĝo la 17. 6. 1967 en Potsdam.

# GDR – Bazo kaj Celo de nia laboro

Profesoro doktoro Max Steenbeck, internacie konata sciencisto, okaze de la VIIa Partitago de la Socialista Unuec-Partio de Germanio (SED) kiel senpartiulo faris la sekvan salutparoladon.

Mi havas la honoron, kiel parolanto de delegacio de sciencistoj el la GDR, transdoni al vi nian saluton kaj deziri por viaj respondecplenaj interkonsiliĝoj rezultriĉan laboron. Nia delegacio reprezentas la sciencistojn el esploro, praktiko kaj teorio de ĉiuj natur- kaj sociscienсaj fakdirektoj. Ni sciencistoj havas nian firman starpunkton, la bazon kaj la celon de nia laboro ĉi tie en nia Germana Demokratia Respubliko; ĝian kreskadon kaj fortikigon servas niaj klopodoj. Por ligiteco kun la laboristaro kaj la partio de la laborista klaso, la Socialista Unuecpartio de Germanio, atestas la ekkonoj kaj aplikoj de niaj laboroj, kiuj baziĝas je la decidoj de la pasinta partikongreso kaj kunhelpis prepari la nunjaran partikongreson.

Estas por ni honoro kaj devo, ke la Unua Sekretario de la Centra Komitato de la Socialista Unuecpartio de Germanio, Walter Ulbricht, tiel forte akcentis la taskojn de la scienco, rezultantajn el la socialisma perspektivo de la Germana Demokratia Respubliko. En la nomo de la natursciencistoj, medicinistoj, teknikistoj, pedagogoj kaj sociscienсistoj mi asertas ĉiloke: la taskojn komisiitajn al ni ni aprobas senkondiĉe. Ni faros ĉion por plenumi tiun devon. Ni konas nian respondecon kaj ni scias kiom forte estas ligita la konservo de la paco al la forto de la socialismaj landoj. Ni hontus, se ni ne per ĉio, kio ni estas kaj je kio ni kapablas, kontribuus la nian por la pliigo de tiu forto.

Kiel necesa tio estas, montriĝas per brutala kaj ne pretervidebla klareco hodiaŭ en Vjetnamio. Mi petas la ĉeestantajn amikojn el la Demokratia Respubliko Vjetnamio kaj el la Nacia Liberiga Fronto de Suda Vjetnamio, transdoni al niaj tieaj kolegoj kaj al la tuta tiom brave por sia libereco batalanta popolo de Vjetnamio la certigon de altestimo kaj frateco de la sciencistoj de nia respubliko.

En la nomo de la germanaj sciencistoj ni deziras al ilia justa kaj tiom dolorplena batalo plenan sukceson. Ni sciencistoj kondamnas la krimajn

agojn de la landfremdaj USA-invaduloj, kiuj treege danĝerigas aŭ tute malebligas la pacan kuvivadon de la popoloj de nia tero. Sed ni ankaŭ protestas kontraŭ la misuzo de la scienco en la Unuiĝintaj Ŝtatoj de Ameriko kiu faras Vjetnamion ekzerckampon por la elprovo de amasdetruiloj.

Ni scias, ke la estonteco de la homaro postulas la sencoplenan socian aplikadon de la scienco, kaj tial la scienco fariĝas ne nur produktiva forto sed ankaŭ altranga politika afero. Tial ni strebos, konsciante pri nia plej granda respondeco, fari rapide kaj plene utiligeblaj la fruktojn de scienca ekkono por nia socialisma socio.

La daŭra prognoza prijuĝado de la necesa kaj ebla evoluo fare de natur- kaj socisciencistoj faciligos la ĝustatempan preparadon de estontaj decidoj pri gravaj evoluceloj per la gvidantaj organoj de partio kaj ŝtato. Jen estas granda tasko por la sciencistoj, kies decida graveco reliefiĝas des pli forte, ju pli multe efikos la interplektiĝo de la scioj kaj la aplikado en ĉiuj sferoj de nia socia vivo.

Nome niaj laboroj en la ĵus pasinta tempo montris, ke prognozaj taksadoj postulas de la sciencisto pli multe ol nur sciojn pri sia specialfako. Li devas submeti sin al daŭraj ekkon- kaj laborprocedoj, en kiuj la socia funkcio de la prognozaj eldiroj estas ligita al tio, ke la natur- kaj socisciencistoj interplektiĝas per tiu laboro al firma komuneco, ĉe kiu la jam ekzistantaj spertoj speciale el la praktiko formas gravan fundamenton.

La kunkonsultado de multaj kaj precipe ankaŭ de junaj sciencistoj por la prognoza laboro havas, krom ĝia pure faka utileco, tre grandan valoron por la edukado al socialisma pensado. La en tio tiel klare sin montranta interplekto de ĉiuj sciencaj kaj ekonomiaj aferoj devigas nin al sobra ĉion konsideranta pripensado de ebla estonteco entute.

Tio kondukas al pli profunda ekkono de la neŝanĝebla laŭleĝeco ankaŭ de grandaj sociaj evoluoj, kaj el tio rezultas la agnosko de politika respondeco de ĉiu unuopulo, kiu ampleksas plli multe ol la specialan laborfakon kaj kiu rigardas la okazaĵojn en nia ŝtato kiel parton de mondampleksa evoluo. En tiu granda kadro ni vidas nian tutspecialan taskon, per ĉiuj fortoj antaŭenpuŝi la prognozon de la scienco kaj ĝian utiligon en nia ŝtato.

La fortigo de la paco per kontrakto, kiu malpermesas la disvastigon de atomarmiloj, signifas ekonomian kaj kulturan progreson por ĉiuj popoloj. Kiu konsideras tiun fakton ne kiel decida kaj kiu kiel „objektiva" juĝanto pro en certaj kazoj eĉ imageblaj malhelpoj de certaj ekonomigrupoj akcentas kiel kontraŭargumentoj kontraŭ tiu kontrakto, ties juĝo estas reale tute ne objektiva sed nur plej danĝere senbaza.

Ni ankaŭ estas imunaj kontraŭ sirenaj sonoj pri fikcia komuna germana scienco. Serĉante ekkonon la scienco estas internacia, la aplikado estas dependa de la socia ordo; por tiel nomata nacia scienco ne estas loko. Ni pliaĝuloj memoras ankoraŭ bone al la ridindeco de „germana" fiziko en la tria jardeko kaj ne deziras ian ajn ripeton. Ne estis germana ĥemio kaj germana medicino, kiu per gaso aŭ injekcioj murdis homojn en la koncentrejoj. Tio estis nenio alia ol faŝisme misuzata scienco. La aplikado de la scienco dependas de la socia ordo.

Ni sciencistoj de nia ŝtato trovis nian lokon kaj konas la vojon al la estonteco. La Socialista Unuecpartio de Germanio, konanta la necesojn en tiu partikongreso, formulos devigajn decidojn, kies realigo postulas la tutan forton. La sciencistoj de la GDR – ĉu ili laboras en esplorinstitutoj, ĉu en altlernejoj, ĉu en la industrio aŭ agrikulturo, en sanitaraj profesioj, en administrejoj aŭ ie ajn – ĉie ili faros la sian; ni ĉiuj volas komune pacan estontecon, kaj ni scias, ke ni alproksimiĝas al tiu celo, se ni pligrandigos la laborkvanton, potencon kaj aŭtoritatecon de nia ŝtato – per ĉio kion ni kapablas.

(Mallongigite de la redakcio) Trad. W. v. Waldowski

# Aktivtagung in Leipzig

Am 17. Juni 1967 fand in Leipzig eine ganztägige Aktivtagung der Esperantofreunde der DDR im DKB statt. Neben den zahlreichen Delegierten aus den Bezirken Dresden, Leipzig und Karl-Marx-Stadt waren auch Funktionäre und Zirkelleiter aus den Bezirken Gera, Halle, Magdeburg und Suhl – insgesamt 63 Freunde – anwesend.

Nach Eröffnung der Tagung durch den Vorsitzenden des Zentralen Arbeitskreises, Rudi Graetz, begrüßte Bundesfreund Ernst vom Bezirkssekretariat des DKB Leipzig die Teilnehmer.

Der stellv. Vorsitzende des ZAK, Bdf. Willi Vildebrand, sprach über die Aufgaben des Deutschen Kulturbundes nach dem VII. SED-Parteitag unter besonderer Betonung der Aufgaben der Esperantofreunde der DDR. Kenntnisse fremder Sprachen sind für jeden gebildeten Menschen nötig. Wir Esperantisten stellen uns die Aufgabe, zur Entwicklung und Förderung des allseitig gebildeten sozialistischen Menschen beizutragen. Esperanto wird sich in der technischen Revolution bewähren müssen.

Der stellv. Vorsitzende und Sekretär des ZAK, Bdf. Eugen Menger, berichtete über die in den letzten zwei Jahren geleistete Arbeit der Esperantofreunde. Er wies auf die Unterstützung hin, die den Esperantofreunden durch den DKB und auch andere Institutionen gewährt wurde. Im letzten Jahr sind über 235 vom ZAK erfaßte Berichte, Artikel und Notizen in der zentralen und in der DDR-Presse erschienen. Im Vordergrund stehen die kulturpolitischen Aufgaben des DKB, von denen die der Esperantisten abgeleitet werden müssen. Das betrifft z. B. die Vorbereitung für den 50. Jahrestag der Großen Sozialistischen Oktoberrevolution und die mit dem VII. Bundeskongreß des DKB im Frühjahr 1968 erwachsenden Aufgaben.

Nach den Berichten der Bezirke Dresden, Karl Marx-Stadt und Leipzig über die dort geleistete Arbeit und die dabei gemachten Erfahrungen erfolgte ein Erfahrungsaustausch, an dem sich 17 Diskussionsredner beteiligten.

Einstimmig wurde eine Resolution angenommen, in der die Aggression Israels gegen die arabischen Staaten verurteilt und im Namen der Menschlichkeit und Gerechtigkeit die Zurückziehung der israelischen

Truppen auf ihre Ausgangsstellungen gefordert wurde. Dem Solidaritätsfonds des DKB für die arabischen Länder wurden von dieser Aktivtagung über 200 MDN überwiesen.

In seinem Schlußwort dankte der Vorsitzende des ZAK, Bdf. Rudi Graetz, den Teilnehmern der Tagung für ihre aktive Mitarbeit, insbesondere auch für die in der Diskussion gegebenen zahlreichen guten Hinweise und Anregungen, die einer ernsten Auswertung sowohl im Zentralen Arbeitskreis wie auch in den Bezirksarbeitskreisen bedürfen. Besonders beachtet werden müssen dabei, neben den Anregungen zur Verbesserung der politisch-ideologischen Arbeit, die Hinweise zur Verbesserung der organisatorischen Arbeit und Heranbildung von qualifizierten Zirkelleitern. Ebenso ist eine bessere Organisierung des Esperanto-Literatur-Vertriebes und die Erfassung aller Esperantofreunde durch die Arbeitsgruppen von großer Bedeutung für die weitere Festigung unserer Organisation.

Es hat sich gezeigt, daß dieser Erfahrungsaustausch dazu beigetragen hat, unsere Organisation wie das Zusammengehörigkeitsgefühl zu festigen. Weitere solche Aussprachen auf regionaler Ebene sind daher vorgesehen.

In seiner letzten Sitzung am 26. Juni 1967 hat der Arbeitsausschuß des Zentralen Arbeitskreises diese Aktivtagung ausgewertet. Auf der nächsten Tagung des Zentralen Arbeitskreises soll die Auswertung mit Vertretern aus allen Bezirksarbeitskreisen in größerem Rahmen fortgesetzt werden.

# La Sorĉa Radio

**Akademiano N. Basov, Laŭreato de Lenin-premio kaj Nobelpremiito**

Kvantuma radiofiziko estas unu el la plej junaj branĉoj de la nuntempa scienco. Nur antaŭ ses jaroj ĝi eltiris el profundo de la rubena kristalo radion, kiu posedas unikajn ecojn. Kaj nun la laser-radion oni utiligas en la plej diversaj laboratorioj kaj industriaj fakoj.

Unu el la plej gravaj direktoj en laboro pri perfektigo de laseroj estas pliobligo de ilia potenco. En la laboratorio de kvantuma radiofiziko estas kreitaj laseroj sur stangeto el neodima vitro, kies potenco de radiado superas milionon da kilovatoj kaj rubenaj laseroj, kiuj donas ĉirkaŭ dek milionojn da kilovatoj. Tiu ĉi giganta potenco estas generata de lasero dum ege malgranda tempintervalo, mezurata per miliardonoj da sekundo. Se eĉ iomete fokusi radiadon de tioma potenco, koncentrado de energio en la fasko estos jam sufiĉe granda por ke aero survoje de l'radio aliformiĝu je flamanta plasmoŝnuro, konsistanta el centoj da plej etaj fajreroj.

Pliigo de potenco de laseroj malkovras antaŭ la scienco certajn perspektivojn de ilia utiligo por elfaro de la varmega plasmo, tiu sama, kiun tiel bezonas fizikistoj, okupiĝantaj pri la problemo de la direktata termonuklea sintezo.

Estas ankaŭ alia kaŭzo de l'intereso al la potencaj laseroj. Milionoj da kilovatoj, kunpremitaj en maldikega pikilo de l'radio, — tio estas tute nova instrumento por influo je la substanco. Esplorado de la reciproka efiko inter la substanco kaj tiom potenca radio sendube portos al la scienco multon novan.
Certe, pliigo de laser-potenco ne estas sola vojo de niaj esploroj. Ne malpli grave estas vastigi „sortimenton" de tiuj ĉi aparatoj. Interesajn eblecojn lige kun tio ĉi malkovras kreo de instalaĵoj, permesantaj plifortigi malfortajn lumsignalojn mildekoj-oble. Utiligante similan instalaĵon sovetaj fizikistoj konstruis laseron, kiu, kiel montras kalkuloj, povas doni precizajn normojn de frekvenco en radiado de la videbla lumo. Fiziko ne ankoraŭ konis tian precizecon de mezuroj, kiun oni atendas de la nova aparato. Oni imagu al si fantastikan horloĝon, kiu dum dek milionoj da jaroj malfruas nur je unu sekundo. Nome tiujn malapere etegajn malprecizecojn estas kapabla rimarki la nova lasero.
Ĝenerale necesas diri, ke laseroj nun portas multajn novaĵojn en teknikon de mezurado. Jen praktika ekzemplo. La konstruantoj de la plej alta televidturo en Ostánkino (Moskvo) bezonis ideale precizan vertikalŝnuron. Rolon de tiu ŝnuro estas brile plenuminta . . . maldikega laserradio. Al geodeziistoj laserradio helpas difini kun nevidita antaŭe ĝusteco distancojn, desegni senriproĉe rektajn liniojn sur la tersurfaco, ekzameni precizecon de aksinioj en tuneloj kaj aliaj konstruaĵoj, kie estas bezonata granda precizeco.
Laseroj firme eniras ankaŭ en industrion. Giganta koncentrado de energio en la maldika radio permesas utiligi ilin por tranĉado kaj veldado de la penfandeblaj metaloj. Konturiĝas interesaj perspektivoj pri apliko de laseroj por hardado de ŝtaloj.
Aktiva utiliganto de laseroj iĝis ankaŭ medicino. En la gazetaro oni jam komunikis, ke vico da klinikoj kaj institutoj de Akademio pri medicinaj sciencoj de USSR estas ekposedintaj metodikon „alveldi" detaviĝintan retinon al la okulfundo pere de precizege dozita ekbrilo de laserradiado. La malsanulo eĉ ne sukcesas ekvidi kaj iamaniere eksenti tiun ekbrilon — tiom mallongtempa ĝi estas. Tiuj operacioj poiome fariĝas ordinaraj. Lasero donas en la manojn de ĥirurgo vere unikan „sensangan tranĉilon", per ĝi oni povas efektivigi operaciojn en la plej delikataj internaj organoj. Esenco estas en tio, ke, penetrante profunden de l'histo, laserradio kvazaŭ „ĉirkaŭveldas" ĉiujn kapilarajn sangoportantajn angiojn.
En la mezurtekniko, en prilaboro de materialoj kaj en medicino laseroj instaliĝis sufiĉe firme. Nun estas efektivigataj eksperimentoj pri utiligo de la radio kiel siaspeca telefonkablo. Venas tempo por solvi problemojn, ligitajn kun apliko de laseroj en kalkultekniko kaj ĥemio. Sendube, laseroj penetros ankaŭ en aliajn branĉojn de scienco kaj tekniko. Ekzemple, la biologoj revas pri tiu superminiatura skalpelo, pri kiu oni povas operacii kromosomon kaj akurate forksekci unu solan genon. Kaj lasertekniko principe estas kapabla doni „lumskalpelon", per kiu oni povos fari fantastikan manipuladon. Vere, ni ankoraŭ ne scipovas produkti tiajn aparatojn. Sed post iom da tempo estos solvita ankaŭ tiu ĉi problemo.

(El „Por la paco", kajero VI, Moskvo 1966.)

# Zur Grammatik des Esperanto

### Der Akkusativ (4. Fall)

Hauptwörter, dazugehörige Eigenschaftswörter, Fürwörter, Zahlwörter, Umstandswörter enden mit einem *n*, wenn gefragt wird:

**wen oder was, wann, wielange, wieviel, wohin.**

Der 4. Fall ist anzuwenden (Worte in der Einzahl und in der Mehrzahl müssen mit *n* enden), wenn nur dadurch der Satz eindeutig wird. Für den Wemfall kann man den Wenfall anwenden, jedoch nur dann, wenn außer diesem Wemfall nicht schon ein Wenfall vorkommt.

In Verbindung mit einem Verhältniswort ist der 1. Fall anzuwenden. Doch wenn die Richtung ausgedrückt werden soll, ist der 4. Fall erforderlich — soweit das Verhältniswort nicht schon selbst die Richtung angibt, z. B. al, ĝis, tra.

Mit diesen kurzen Hinweisen sind selbstverständlich die Möglichkeiten der Anwendung des Akkusativs keinesfalls erschöpft. Sie sollen ebenso wie die nachfolgenden Beispiele hauptsächlich dazu dienen, die Diskussion in den Zirkeln anzuregen.

| | |
|---|---|
| Ich habe Korrespondenten in vielen Ländern. | Mi havas korespondantojn en multaj landoj. |
| Von ihnen erhalte ich Briefe und Ansichtskarten. | De ili mi ricevâs leterojn kaj bildkartojn. |
| Auch in Vietnam habe ich einen Freund. | Ankaŭ en Vjetnamio mi havas amikon. |
| Das vietnamesische Volk wünscht Frieden. | La vjetnama popolo deziras pacon. |
| Wir müssen sie, die vietnamesischen Freunde, unterstützen. | Ni devas ilin, la vjetnamajn amikojn, subteni. |
| Ich schreibe jede Woche an einige Freunde. | Mi skribas ĉiun semajnon al kelkaj amikoj. |
| Briefe ins Ausland sind oft Wochen unterwegs. | Leteroj eksterlanden ofte semajnojn estas survoje. |
| Jede Woche erhalte ich ein Dutzend Briefe. | Ĉiun semajnon mi ricevas dekduon da leteroj. |
| Mein Wunsch ist, in die Sowjetunion zu fahren. | Mia deziro estas, veturi en Sovetunion. |
| Ich werde am Sonnabend, dem 28. Oktober fahren. | Mi veturos sabaton, la 28an de oktobro. |
| Am 29. Oktober werde ich in Moskau ankommen. | La 29an de oktobro mi alvenos Moskvon (en Moskvo). |
| Meine Freunde werden mir eine gute Reise wünschen. | Miaj amikoj deziros al mi bonan vojaĝon. |
| Bis auf baldige Rückkehr in unsere DDR. | Ĝis baldaŭa reveno en nian GDR. |

Die Redaktion bittet, weitere zur Veröffentlichung geeignete Beispiele an das Mitglied der Red.-Komm. Bfrd. **Otto Bäßler, 7022 Leipzig, Krokerstraße 15,** zu senden.

